# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Junio n-ro 6/2010

## INFANA KONGRESETO EN CAMPO GRANDE / MS

Kiel la tuta Esperantistaro scias, la 45-a Brazila Kongreso de Esperanto okazos en la bela urbo Campo Grande/MS, de la 13-a ĝis la 16-a de julio 2010. Oni esperas, ke la samideanoj amase apogu ĝin. Nun, ni ricevis de la organizantoj la jenan informon pri la okazigo de Infana Kongreseto ene de la programo. Jen la mesaĝo:

***"9a INFANA KONGRESETO***
*Karaj gekongresanoj! Ni estas kun skipo organizanta nian infanan kongreseton. Ili estas personoj de supera respondeco. Ni bezonas informojn pri la kvanto da infanoj kiuj partoprenos en la 9ª Infana Kongreseto, kaj pri iliaj respektivaj aĝoj, seksoj, nutraj kutimoj kaj aliaj informoj kiuj fariĝos necesaj. Bonvolu informi ĝis je* **25a Junio 2010**, *nepre, al mi aŭ al la Kunordiganto VANDA C. SCHMITT – Tel: (67)3027-4200 - vandacati@hotmail.com. Bonvolu aliri nian Blogon: http://www.45bke2010.blogspot.com/. kaj http://www.soems.com.br/, por aliaj informoj. GODOI – PREZIDANTO LKK – 45a BKE. - Tel: (67) 3385-2432."*

## SUKCESA ŜTATA RENKONTO EN VOLTA REDONDA / RJ

Je la 15-a kaj 16-a de majo 2010 okazis la 21-a Ŝtata Renkonto de Esperantistoj en Rio. La urbo Volta Redonda akceptis la eventon, kiun ĉeestis 45 homoj. Pinta momento estis la omaĝo al Esperantisto Inĝeniero Alberto Flores, kiu kompletigis 60 jarojn da agado por nia afero. Post la renkonto, la ĉefa organizanto, Márcio Santos, dissendis la jenan dokumenton: *"POST DISKUTADO DUM LA ŜTATA RENKONTO AERJ laboros sur tri bazaj punktoj: DISVASTIGO, INSTRUADO kaj MOVADO. Tiuj tri supraj punktoj estas gravaj sed la plej urĝa estas DISVASTIGO. Pro tio oni kreos KOMITATON, kiu laboros por tiu celo, helpatan kaj kunordigatan de AERJ por disvastigi Esperanton kaj fari ĝin konata. Oni klopodos duobligi la kvanton da anoj de AERJ ĝis la venonta ŝtata renkonto. Ni organizos liston de nuntempaj kursoj kaj geinstruistoj en ŝtato Rio de Janeiro. La asembleo aprobis la ideon ke ni kreu ĝis la venonta renkonto tri disvolvigajn esperantistajn nukleojn por stimuli kaj kreskigi la movadon loke, kaj por la venontaj jaroj ni kreos aliajn nukleojn. Dum la venonta ŝtata renkonto ni taksos tiujn celojn por rimarki kion ni atingis. Oni denove sendos informilon de AERJ 'Rio esperantista'."*

## VIGLA RENKONTO EN LA URBO SAN-PAŬLO

Alfredo Aragón. Fotoj: Aparecida Araújo

51 homoj partoprenis la 22-an Esperanto-Renkontiĝon de la Urbo San-Paŭlo (ERUSP), la 22an de majo, ĉe renkontejo "Fábrica do Amanhã", en la kvartalo Santana. Alfredo Aragon brile prelegis pri muziko, Paulo S. Viana pri Villa-Lobos, Leysester Miró pri instruado, Luiz G. Jardim pri lingvolernado, José M. Progiante pri "Historio de la Morto". J. Piton estis amuze kaj instrue intervjuita. Conceição Rodrigues proponis fulman kurson de Esperanto. Bona libroservo funkciis dum la tuta dimanĉo.

JÁ ARRUMOU AS MALAS PARA VIAJAR PARA CAMPO GRANDE/MS?
45º CONGRESSO BRASILEIRO DE ESPERANTO

### CONGRESSINHO EM CAMPO GRANDE/MS

No programa do 45º Congresso Brasileiro de Esperanto, a se realizar em Campo Grande/MS, de 13 a 16 de julho próximo, estará incluído o Congresso das Crianças. Para isso, a equipe organizadora pede que os Esperantistas que quiserem inscrever seus filhos informem dados pertinentes: sexo, idade, hábitos alimentares, etc. a Vanda Schmidt: tel. (67)3027-4200, vandacati@hotmail.com .

### ENCONTRO ESTADUAL EM VOLTA REDONDA/RJ

O 21º Encontro de Esperantistas do Estado do Rio aconteceu em 15 e 16 de maio de 2010, com grande sucesso. Um momento especial foi a homenagem ao Engenheiro Alberto Flores, por seus 60 anos de atividade Esperantista ininterrupta. Dias depois, Márcio Santos, um dos organizadores, enviou agenda de intenções para atividades da Associação Esperantista do Rio de Janeiro: criação de uma comissão de trabalho para ensino, divulgação e prática do Esperanto no Estado. A entidade planeja também voltar a editar o tradicional boletim "Rio Esperantista"

### ANIMADO ENCONTRO DE ESPERANTISTAS NA CIDADE DE SÃO PAULO

51 Esperantistas participaram do já tradicional "ERUSP", em 22 de maio de 2010, no salão da "Fábrica do Amanhã", em Santana, Capital. Alfredo Aragon falou sobre música, P.S.Viana sobre Villa-Lobos, L. Miró sobre ensino de Esperanto, Luiz G. Jardim sobre aprendizado de idiomas. J.M. Progiante sobre a "História da Morte". J. Píton foi entrevistado e Conceição Rodrigues organizou curso-relâmpago de Esperanto para visitantes. Um bom serviço de livraria funcionou durante todo o dia. Parabéns!

Ĉu vi jam preparas la valizojn por vojaĝi al Campo Grande/MS?

# BEL informas

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Junio n-ro 6/2010

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

## DUA VOLUMO DE PROF-O JOZIAS BARBOZA

S-ro Ulisses Riedel, estro de "Unio Planeda", institucio kiu bele apogas la Esperantomovadon en Brasília, invitis por lanĉo de la dua volumo de la lernolibro "Esperanto por Lernejaj Klasoj", je la 19-a de junio 2010 Ĉi tiun verkon, kies aŭtoro estas Prof-o Josias Barboza, kuneldonis Brazila Esperanto-Ligo. Fakuloj rekonas ĝian altan valoron. Kontaktu la aŭtoron: jofobo@hotmail.com .

## GRAVAJ INFORMOJ EL "BONA ESPERO"

G. Grattapaglia, estro de la konata instutucio "Bona Espero", en ŝtato Goiás, sendas al ni la jenan informon: ""BONA ESPERO : idealo kaj realo" estas la titolo de la libro, lanĉita dum la Universala Kongreso de UEA en Roterdamo, kiu pritraktas la historion de 50 jaroj de tiu bien-lernejo en Alto Paraiso de Goias. La libro vekis favorajn recenzojn en pluraj esperantistaj periodaĵoj inter kiuj reliefiĝas tiu en "Ondo de Esperanto". La recenzisto Zbigniew Galor tiel konkludas: *"Bona Espero: idealo kaj realo, ne eniras en la purajn modelojn de libro jubilea, historia, dokumenta, vojaĝa k.s. La leganto trovos en la publikaĵo kunekziston de ĉiuj fadenoj: jubilea, dokumenta, historia, k.a. Pro sia kona valoro la verko de Roman Dobrzynski devas esti deviga legaĵo por ĉiuj, kiuj interesiĝas ankaŭ pri sociologio de Esperantaj lingvo kaj movado."* En la ĉapitro :"Volontuloj de bona volo", Dobrzynski pritraktis la epizodojn de dekoj da volontuloj elektitaj inter la centoj, kiuj kunlaboris en la bien-lernejo dum jaroj. Sen ili Bona Espero ne estus atinginta sian kvindekjaran jubileon en la konstanta plenumo de siaj statutaj celoj sociaj, agrikulturaj kaj esperantaj. Ankaŭ dum la lastaj monatoj Bona Espero gastigis volontulojn el Italio, Francio, Germanio kaj Pollando. Nuntempe volontulas en Bona Espero la argentina kant-aŭtoro Alejandro Cossavella, kiu instruas Esperanton,laboras en la kampo kaj kantas kun la infanoj. Krome, kunlaboras la usona esperantista verkistino Ester Schor el la Universitato Princeton, kiu skribas libron pri la esperantomovado por la usona publiko, komisiite de sia universitato. La libro "Bona Espero : idealo kaj realo", ilustrita per naŭdeko da fotoj pri la multfacetaj aspektoj de la vivo en la bien-lernejo, estas aĉetebla en la Brazila Ligo . Laste oni informis nin ke per iniciato de kelkaj eks-volontuloj de Bona Espero, oni eldonis la version de la libro en Braille por blindaj legantoj.

## SAMIDEANOJ AGAS LOKE - MINAS GERAIS:

En la urbo Pedro Leopoldo, okazas kurso de Esperanto ĉe "Domo de Chico Xavier". Kontaktoj: degmg@bol.com.br aŭ esperantistagrupo@bol.com.br.

## SAMIDEANOJ AGAS LOKE - RIO:

En Niterói, la konata, veterana Esperantoaktivulo Amarílio Carvalho prezentis la monologon "Joaquim José – Martiro kun Fido", ĉe Kulturcentro Maria Sabina, je la 30-a de majo 2010.

## LEYSESTER MIRÓ,

LA AKTIVA NOVA SEKCIESTRO DE "INTERNACIA LIGO DE ESPERANTO-INSTRUISTOJ" EN BRAZILO, INVITAS VIN VIZITI LA NOVAN RETEJON: http://ilei.brazilo.org

### LIVRO DIDÁTICO: LANÇAMENTO EM BRASÍLIA

Com apoio da União Planetária e coedição da Liga Brasileira de Esperanto, lançado em Brasília o segundo volume do método de ensino do Prof. Josias Barboza, em 19 de junho de 2010.

### NOTÍCIAS DA "BONA ESPERO"

G. Grattapaglia, diretor da instituição beneficente Esperantista "Bona Espero", em Alto Paraíso de Goiás, envia informações importantes: trata-se da publicação de livro "Bona Espero: ideal e realidade" do jornalista polonês Roman Dobrzynski, sobre os 50 anos de existência da instituição, sempre com a finalidade de abrigar e educar crianças carentes no interior do país. A obra motivou várias resenhas entusiasmadas, entre elas a do escritor Z. Galor, da prestigiada revista "La Ondo de Esperanto". Destaque para o capítulo "Voluntários de boa vontade", em que se descreve a participação de Esperantistas do mundo todo que, por períodos variáveis. prestaram serviço na instituição. Recentemente, a escritora norteamericana E. Schor, da Universidade de Princeton, prepara material de informação para o público de seu país, sobre o movimento Esperantista, incluindo a "Bona Espero". O livro "Bona Espero: ideal e realidade", ricamente ilustrado, pode ser adquirido na Liga Brasileira de Esperanto: www.esperanto.org.br .

### ACONTECEU EM MINAS:

Em Pedro Leopondo, iniciado curso de Esperanto na Casa de Chico Xavier: degmg@bol.com.br ou esperantistagrupo@bol.com.br.

### ACONTECEU NO RIO:

Em Niterói, o conhecido Esperantista Amarílio Carvalho apresentou em 30 de maio de 2010 o monólogo "Joaquim José – Mártir com Fé", no Centro Cultural Maria Sabina.

**Seção Brasileira da Liga Internacional dos Professores de Esperanto tem novo sítio: http://ilei.brazilo.org**